


# INTERNACIA FERVOJISTO

2002 . 1





*Bonan novjaron deziras la IFEF-estraro al ĉiuj membroj, kunlaborantoj, legantoj kaj esperas akcepti multnombrajn partoprenontojn okaze de sia internacia kongreso en Plovdiv.*

**Dum la venonta jaro,**
**ne forgesu viziti la IFEF TTT-paĝaron**
**http://perso.wanadoo.fr/esperanto/ifef.htm**

***La Rila Monaĥejo*** *estas la plej grava kaj konata de la bulgaraj monaĥejoj. Celo de nia tuttaga ekskurso, tiu mirindaĵo estas ordigita de Unesko kiel monda kultura heredaĵo.*

## Enhavo



# 54-a IFEF-kongreso en Plovdiv Bulgario

(01/07 de junio 2002)

**Adreso de LKK :**
54-a Kongreso de IFEF, Centrala Poŝto, poŝtkesto n° 455
BG-4000 Plovdiv
Tel : 359 32 26 79 12 / 359 32 44 14 37
Fakso : 359 29 87 45 41
Retadreso : bdz-intrel@bbf.bg

**Postkongreso en Nesebăr**

*Partoprenante la kongreson en Plovdiv, kaptu la okazon por viziti dum kelkaj tagoj la duoninsulon Nesebăr.*

Nesebăr, kies malnova nomo estis Messambria, situas en pitoreska loko borde de la Nigra Maro. Tiu malgranda insulo, kun dense starigitaj sur ĝi antikvaj lignodomoj, konstruitaj antaŭ jarcentoj, kun mallarĝaj, krude pavimitaj stratoj, super kiuj la elstarantaj korbeloj de la domoj formas volbon, urbo kun 42 antikvaj preĝejoj el la mezepoko, insulo, interligita kun la tero per 300-metrojn longa terkolo, superverŝata ofte dum ŝtormoj - jen estas Nesebăr, unu el la plej pitoreskaj somerrestadejoj de la bulgara bordo de la Nigra Maro

Jam antaŭ multaj jarcentoj Nesebăr estis sinsekve roma, bizanca kaj bulgara fortikaĵo. Ŝirmite de ĉiuj flankoj, samtempe de la maro kaj de la altaj remparoj, Nesebăr estis ne konkerebla. Centro de riĉa ĉirkaŭaĵo, kie kreskas vinberujoj, fruktarboj, legomoj kaj samtempe strategia haveno kaj natura fortikaĵo, Nesebăr jam en la plej fruaj jarcentoj de nia erao estis vigla fiŝkapta, vinprodukta kaj komerca centro kun granda ŝipfarejo. La kulturo de la urbo disfloris precipe en la mezepoko, kiam tie ĉi oni ekzilis la detronigitajn bizancajn imperiestrojn kaj la tronpretendantojn.

Hodiaŭ, Nesebăr estas urbo-muzeo kaj unu el la plej belaj naciaj somerrestadejoj sur la bulgara bordo de la Nigra Maro. La mezepokaj preĝejoj, parto de kiuj estas sufiĉe bone konservitaj, impresas per sia belega arkitekturo kaj sia malsimpla moŝaika brodaĵo kaj estas tre interesa objekto de sciencaj esplorfosadoj kaj ekskursoj. Sude de la terkolo laŭlonge de la marbordo, etendiĝas dunoj, unikaj sur la bulgara bordo, kaj bonega, helflava sablostrando, longa ĉ. 2 kilometrojn. Antaŭ nelonge estis bonkonstruita la vasta norda strando de la urbo, kie staras moderna hotelo kaj kelkaj centoj da malgrandaj koketaj vilaoj por somergastoj.

La urbo mem ankaŭ donas rifuĝon al la somergastoj, kiuj preferas pasigi la somerajn feriojn en la antikvaj domoj kun la elstarantaj korbeloj kaj la gravuritaj lignoplafonoj.




**Ne forgesu, ŝparu vian monon aliĝante antaŭ la 31-a de januaro 2002**

## PROTOKOLO DE LA PUBLIKA KOMITATKUNSIDO
## dum la 53-a IFEF - kongreso en Tábor (CZ) 2001.05.16

**Mallongigoj:**

Pr = prezidanto, VP = vicprezidanto, Sk = sekretario, Ks = kasisto,
Rd = redaktoro, e-o = estraro, Ĉk = ĉefkomitatano, IF = Internacia Fervojisto,
FK = Faka Komisiono, TS = Terminara Sekcio, FAS = Fake Aplika Sekcio,
k-o = komitato, k-ano = komitatano, kk-ano = kromkomitatano, k-go = kolego,
l.a. = landa(j) asocio(j). (Landkodoj duliteraj, laŭ normo IS03166).

La Pr Bolognesi salutas kaj bonvenigas la partoprenantojn. Li klarigas, ke la Sk Ernst Quietensky estis devigata urĝe foriri kaj pro tio li petas permeson ke Marica Brletić (HR) anstataŭu lin kaj protokolu la kunsidon.
Estas unuanime aprobite.
Ĉeestas estraranoj: Pr Romano Bolognesi (IT) Vp István Gulyás (HU)
Ks Henning Hauge (DK) Rd Jean Ripoche (FR)
Protokolanto Marica Brletić (HR)

**1. Malfermo, konstato, mandatoj**

La Pr alvokas la rajtigitojn kaj kun la protokolanto listkalkulas la ĉeestantojn :

| Lando | Kodo | Komitatano | |
|---|---|---|---|
| Aŭstrio | AT | Martin<br>Friedrich | STUPPNIG<br>TCHOM |
| Belgio | BE | Lucien | DE SUTTER |
| Bulgario | BG | Lazar | KARAKAŠEV |
| Ĉeĥio | CZ | Jindřich | TOMÍŠEK |
| Danio | DK | Jan | NIEMANN |
| Francio | FR | Jean<br>Denise | ROLLAND<br>HAPPY-FOSSO |
| Germanio | DE | Joachim<br>Rolf | GIESSNER<br>YERJUNG |
| Hispanio | ES | Marti | GUERRERO |
| Hungario | HU | Alfonz | MORÓ |
| Italio | IT | Vito | TORNILLO |
| Kroatio | HR | Marica | BRLETIĆ |
| Norvegio | NO | Rolf | BERG |
| Rumanio | RO | Emil | TUDORACHE |
| Slovakio | SK | Magdalena | FEIFIČOVA |
| Svisio | CH | Ernst | GLÄTTLI |

Ĉeestas 18 voĉdonrajtaj k-anoj

2. **Ricevitaj telegramoj, leteroj**

La Pr legas la nomojn de sendintoj, de bondeziroj kaj salutleteroj : Veselka Kamburova (BG), János Patay (HU) kaj Hm W.L. van Leeuwen (NL).

**3. Honorigo al la mortintoj**

La Pr legas la nomojn de niaj mortintoj ekde 05.2000 ĝis 05.2001. Oni honorigas ilin per unu-minuta silenta starigado. Ke ili ripozu pace :

| Lando | Nomo | Naskiĝtago | Mortotago | Aĝo | Menciindajo |
|---|---|---|---|---|---|
| Aŭstrio | Franz WAGNER | | 21.06.2000 | | |
| Belgio | Piere DEMIL | 1924 | 2001 | 77 | |
| Ĉeĥio | Ladislav CHMELIK | | 07.2000 | | |
| | Molik FRANTIŠEK | | 02.08.2000 | | |
| Francio | Romain ESQUILLAN | 1973 | 2000 | 27 | |
| | Alain LAFRAGUETA | 1946 | 2000 | 54 | |
| | René LEPRETE | 1912 | 08.02.2001 | 88 | |
| | Suzanne MARBLEU | 1920 | 13.01.2001 | 80 | |
| Germanio | Josef WEIDACHER | 1920 | 08.01.2000 | 80 | |
| | Günter SÜSSMUTH | | 06.2000 | | |
| | Emil DIETRICH | | | 86 | |
| | Hans-Jürgen RIEHN | | | 63 | GEFA-e-ano |
| | Joachim SCHRAPP | 1914 | 15.03.2001 | 87 | |
| Hungario | Lajos BUKOR | | 24.03.2000 | 86 | |
| | Dezsö RAJHONA | | 17.09.2000 | 90 | |
| | Mihaly SZEGEDI | 1925 | 11.10.2000 | 75 | Iama HFEA-Tk |
| | Miklos SZUHAY | 1922 | 07.09.2000 | 77 | |
| Italio | Renzo SOMMI | 1922 | 14.12.2000 | 78 | |
| | Antonio STEFANINI | 1916 | 26.03.2001 | 85 | |
| Jugoslavio | Dušan BOGDANOVIĆ | 1949 | 26.06.2000 | 50 | |
| | Nedeljka SUBOTIĆ | 1924 | 28.05.2000 | 75 | |
| Svisio | Hans HUNKELER | 1920 | 23.08.2000 | 80 | |

**4. Raporto estrara**

***4.1. Sekretario*** (IF 2001.3 paĝoj 35/36-a) Unuanime aprobite

***4.2. Redaktoro*** (IF 2001.2 paĝo 18-a)
Unuanime aprobite

***4.3. Kasisto,***
La bilanco kaj kasraporto estis disdonitaj dum la nepublika kunsido.
Unuanime aprobite

5. **Protokolo Budapeŝto** (HU)
(IF 2001.2 paĝoj 21/25-a)
Unuanime aprobite

6. **Raporto de la Ĉefkomitatano**

La Ĉk Jindřich Tomíšek raportas. Li dissendis la cirkuleron kun informoj kaj demandiloj por jarraporto 2000 al ĉiuj I.a. kaj ankaŭ al Nederdando, Hispanio, Estonio kaj aliaj. Alvenis 18 jarraportoj. Ne alvenis raportoj el Pollando kaj Svedio. Hispana Esperanta Fervojista Asocio revenis al Federacio. La Ĉk kolektis adresŝanĝojn kaj retadresojn por Adresaro. Li kompletigis la kandidatecan materialon de Kroata I.a. por elekti M. Brletić por la funkcio de IFEF Sk. Krome, li daŭrigis tri proponojn por honorigo al IFEF e-o. Li ĉeestis du estrarkunsidojn : en

Dobřichovice (CZ) kaj en Thionville (FR).
La raporto estas unuanime aprobita.

**7. Kongrespropono(j)**

***7.1. Elekto estraranoj***

Post la prezento de la konfirmitaj kandidatoj kaj de la nova Sk (2001.2 paĝo 20) okazas la voĉdonado. Jen la rezultoj :

| tasko | kandidato | por | kontraŭ | sindeteno |
|---|---|---|---|---|
| Pr | Romano BOLOGNESI | 17 | 1 | - |
| Vp | István GULYÀS | 16 | 1 | 1 |
| Sk | Marica BRLETIĆ | 16 | 1 | 1 |
| Ks | ne venis kandidato, pro tio s-ro Henning Hauge provizore entreprenas daŭrigi tiun taskon | | | |
| Rd | Jean RIPOCHE | 16 | 1 | 1 |

**8. Raportoj de la Faka Komisiono (FK)**

***8.1. Gvidanto***

***8.2. Sekretario de la Fake Aplika Sekcio (FAS)***

Inĝ. Kovar informas pri la faka porkongresa programo. Li substrekas la ĉefan problemon en faka prezentado de esperanto, kiu estas unuflanke manko de junaj, progresemaj kaj spertaj esperantistoj, povantaj publikigi fakajn artikolojn ; kaj duaflanke, la pliaĝaj kaj spertaj esperantistaj fervojistoj pro diversaj kaŭzoj finas siajn aktivadojn.
Ĉar S-ro Glättli (CH) bedaŭrinde decidis fini kun faka aktivado, inĝ. Kovar dankas al li pro longjara perfekta kaj meritplena laboro por faka movado de IFEF.
S-ro Giessner (DE) same ne plu povas labori kadre de FAS pro sanproblemoj.
Fervojfaka Kajero n-ro 9 estas eldonita.
Raporto unuanime aprobita.

***8.3. Sekretario de la Terminara Sekcio (TS)***

D-ro Hoffmann raportas ĉefe pri la laborgrupo "Maŝino-Tekniko 40" kiu estis fondita pasintjare ĉe Internacia Fervojunio, UIC. IFEF estas samrajta kaj samdeva membro de tiu laborgrupo, kiu ĝis nun kunsidis dufoje. Laborcelo estas kreo de modela terminaro laŭ internacie validaj normigreguloj. Unua paŝo koncernas nur bazajn nociojn pri fervojaj veturiloj. La ĉefa laborbazo estis germana kaj franca oficialaj normoj pri veturil-nocioj.
Laŭ la taskoj en Terminara Kuriero, pluraj kunlaborantoj kontribuis al la laboro per esploroj en siaj naciaj lingvoj. Pro internaciaj fakaj kontaktoj per logika lingvo, kaj pro planlingva laborstrategio, esperantistaj fervojistoj povas helpi por ebligi klarajn komparojn kaj tradukeblojn inter ĉiuj faklingvoj pli bone ol fare de nuraj nacilingvanoj.
Raporto unuanime aprobita.

**9. Raportoj de la komisiitoj**

***9.1. Skisemajno,*** (IFES) 2000 (IF 2001.2 paĝo 31-a)

K-go Peyrouty (FR) raportas pri la 42-a IFES okazinta en Tatranska Lomnica (SK) kun 18 partoprenantoj el 6 landoj (oficiale) kaj 5 personoj el du landoj (neoficiale).
Raporto unuanime aprobita.

***9.2. Fervoja Koresponda Servo (FKS)***

K-go Tudorache (RO) legas la raporton nome de K-go Porupca (RO).
Li informas pri entute 27 ĉu leteroj, poŝtkartoj, faksoj aŭ retmesaĝoj, kiujn S-ro Porupca interŝanĝis kun geesperantistoj el 15 landoj. Por kreskigi la nombron de korespondantoj, oni proponas ke l.a. enmetu anonceton pri FKS en landajn organojn.
Raporto unuanime aprobita.

*9.3. Komitatano "A" por IFEF ĉe UEA*

La Vp István Gulyàs raportas pri la 85-a UK okazinta en Tel Avivo de la 25-a de julio ĝis la 1-a de aŭgusto 2000. La kongresa temo estis "Lingvo kaj kulturo de paco" kaj partoprenis 1212 ĉeestantoj el 61 landoj. La fervojistan kontaktkunvenon partoprenis 21 gekongresanoj el 11 landoj.
S-ro Gulyàs gvidis la kunvenon, raportis pri la 52-a IFK kaj aliaj novaĵoj sur la tereno de la fervojista E-movado.
S-ro Petro Chrdle informis pri la okazonta 53-a IFK.
D-ro Imre Ferenczy, la prezidanto de UMEA fakprelegis pri la spertoj de la kunlaboro inter fervojistoj kaj medicinistoj.
Unuanime aprobite.

10. **Resumo de la jarraportoj 2000 el la landaj asocioj**
La Vp resumas la raportojn. La teksto aperos en IF. Unuanime aprobite.

11. **Analizo de la nuna situacio en kelkaj landoj**
La Pr informas pri Hispana I.a., kiu revenis en la kadro de IFEF post unujara paŭzo.
S-ro Roff Bergh (NO) sugestas kontakti landojn en kiuj ekzistas individuaj membroj de IFEF.

12. **Budĝeto 2002 kaj kotizkonfirmo**
S-ro Hauge proponas ke la budĝeto 2002 kaj la kotizo restu la samaj kiel en la jaro 2001.
Unuanime aprobite.

**13. Rilatoj kun aliaj organizoj**

*13.1. UEA*

La Vp sciigas, ke la programo Kampanjo 2000" ĵus finiĝis kaj la komitato de UEA fintraktos en Zagrebo la novan laborplanon. Tiukaze, li sugestas ke la IFEF e-o pretigu novan IFEF laborplanon post la UK kaj akceptu ĝin dum la venonta IFK.
La Vp faris fakprelegon pri nia terminara laboro kadre de terminologia laboro kaj substrekas ke tiu laboro vere ekfunkciis ekde kiam P. Chrdle flanke de UEA respondecas pri fakaj temoj.
Rilate al la kunlaboro kun aliaj fakaj asocioj : la Vp informas pri kunlaboro kun UMEA,
- la Pr informas ke la kontaktoj kun aliaj similaj asocioj kadre de transporto kaj trafiko ne sukcesis,
- S-ro J. Niemann sugestas aldoni al jarraporta demandilo precizan demandon pri la transportaj fakoj al kiuj apartenas nefervojistaj anoj.

La Pr dankas pro kunlaboro al P. Chrdle kiu devas forlasi sian funkcion ĉe UEA.

*13.2. FISAIC*

S-ro Georges Wallerand (FR), la FISAIC sekretario kaj samtempe IFEF-ano, salutas kaj substrekas la valoran laboron, kiun faras la IFEF e-o kadre de la FISAIC.

La Pr de la IFEF estas invitita ĉeesti la feston de la 50-a datreveno de la FISAIC, kiu okazos en la jaro 2002 en la franca urbo Obernai.
Rilate al la 50-jariĝo, la FISAIC aperigos luksan publikajon. S-ro De Sutter transprenis la taskon prepari la konvenan franclingvan materialon pri la IFEF kaj la FISAIC-sekretariejo zorgos pri la germana traduko.
S-ro Wallerand mencias la planon de la UAICF, kiu finance kaj materiale subtenos E-staĝon cele al disvolvigi Esperanton de la laborantaj fervojistoj. La staĝo okazos samtempe kun la franca fervojista kongreso en marto 2002 en Port Vendres ĉe mediteranea marbordo.

14. **Venontaj kongresoj**

*14. 1. Konfirmo de invito al la 54-a IFK (BG) 2002*

S-ro Karakašev (BG) invitas al la 54-a IFK kaj al ĵaŭda prezentado de la invitlando.
Unuanime aprobite.

*14.2. Elekto de lando por 2003, la 55-a IFK*

H Pr Joachim Giessner (DE) invitas la 55-an IFK en Germanion.
Unuanime aprobite.

*14.3. Diskuto pri pluaj eblecoj*

RO sin prezentas por la jaro 2004.
La Vp proponas ke AT kaj HU organizu komunan kongreson apud la landlimo.

15. **Venontaj IFES 2002 kaj 2003**

S-ro Peyrouty informas ke la 43-a IFES okazos en urbo Predeal (RO) de la 16-a ĝis la 23-a de februaro 2002. Ĝin aranĝos REFA.
Por 2003 sin anoncis CZ.
S-ro Peyrouty invitas aliajn landojn ke ili gastigu IFES.

16. **Eventualaĵoj**

Laŭ la iniciativo de S-ro Peyrouty la kongreso rememorigas la sloganon de IFEF kiu estu: "La reloj ligas la landojn, Esperanto la popolojn".

S-ro Niemann sugestas aperigi la bilancon kaj financan raporton en IF. La Ks kaj la Rd promesas fari tion.
S-ro De Sutter promesas kompili ĉiujn ŝanĝojn de la Statuto ekde la jaro 1994 por reaperigi ilin en IF.
La Pr invitas la e-on kaj aliajn geesperantistojn al Plan Val Gardena (IT) de la 1-a ĝis la 8-a de septembro 2001.
S-ro Tomišek alvokas, ke ĉiuj helpu plibonigi la demandilon por jarraporto.

17. **Libera diskutado**

S-ro Niemann sugestas ke ĉiuj komitatanoj ricevu ĉiujn protokolojn pri estrarkunsidoj.

Zagrebo, la 29-an de junio 2001 — Protokolis la Sk Marica BRLETIĆ

# " Kun fervojo al la tria jarmilo "

Sub tiu ĉi devizo okazis de la 21-a ĝis la 23-a de septembro 2001 en Malbork la 17-a kongreso de Polaj Esperantistaj Fervojistoj. Pli ol sesdek partoprenantoj kaj eksterlandaj gastoj el kelkaj eŭropaj landoj kongresis en distrikta urbo kun riĉa historio kaj forta Esperanto-tradicio.

Jam dum akcepto en stacidomo de Pola Fervojo Malbork oni estis bonvenigitaj esperantlingve kaj pole kaj povis trarigardi ekspozicion de esperantaĵoj kaj bildoj pentritaj de esperantistaj pentristoj.

Solenan inaŭguron de la kongreso vendrede posttagmeze en Urba Kulturdomo partoprenis reprezentantoj de la fervojo kaj urba magistrato. Kelkaj eminentuloj salutparolis en bona Esperanto. Al arta programo kontribuis, inter alioj, junulara ensemblo "Por momento" kaj esperantistaj poetoj Zofia Kamienicka kaj Leszek Legowski. Dum labora parto la polaj kolegoj pritraktis sian agadon kaj elektis la novan estraron de sia sekcio.

Sabate kaj dimanĉe la programo komenciĝis jam frumatene per Esperanta Sankta meso, celebrata de pastro Jozefo Zielonka - la animzorganto de la katolikaj esperantistoj por Pollando, en preĝejo de la Patrino de la Senĉesa Helpo.

Sabate antaŭtagmeze kun vasta partopreno de la urba publiko okazis solena malkovro de la E-ŝtonoj, ĉe la elektitaj arbetoj sur la Skvaro Esperanto, kie ankaŭ troviĝas monumento honore al d-ro L.L.Zamenhof kaj apud tristela hotelo Esperanto.

La Esperanto-ŝtonojn malkovris inter aliaj d-ro Renato Corsetti prof. de Roma Universitato kaj prezidanto de UEA, prof. d-ro Helmar Frank, rektoro de AIS en San Marino, prof. Dieter Quednan, docentino Alicja Lewanderska kaj aliaj honoraj gastoj el kelkaj eŭropaj landoj. Artan programon emocie plenumis infana ensemblo AMANITOJ, junulara popola ensemblo "Modraki" el urbo Pelplin kaj "Kapela Kociewska" el urbo Starogard Gdanski.

Posttagmeze oni buse vizitis katedralon kaj Diocezan muzeon en Pelplin kaj metis bukedon da floroj sur la tombo de episkopo-esperantisto Konstanty Dominik en la tombejo de Pelplin.

Vespere oni dancis kaj babilis dum internacia balo en Urba Kulturdomo.

Dimanĉe, antaŭtagmeze, oni vizitis la Teŭtonan Kastelon en Malbork, barokan Kirkon al Dipatrino de Senĉesa Helpo kaj Malnovan Urbodomon de la 14-a jc, nuntempe Junularan Kulturo-Domon, kie lokaj esperantistoj organizas E-kunvenojn kaj E. kursojn.

Post la komuna tagmanĝo en restoracio "Nad Nogatem" okazis solena fermo de la kongreso, kiu longe restos en memoro de la partoprenintoj.

Jindřich Tomíšek

---

## La britaj fervojoj en senelirejo

Railtrack reganta la fervojan britan infrastrukturon (konstruaĵon relvojan) [je 32 000 km-oj da trakoj - miloj da signaliloj, pontoj, tuneloj], la 9-an de oktobro 2001 estis submetita al administrita aŭtoritato. Tio okazis post la rifuzo de la brita registaro aldoni al Railtrack la financajn necesajn rimedojn t.e. 17,71 miliardojn da francaj frankoj (2,7 miliardojn da eŭroj) antaŭ marto 2002.

Tio montras la fiaskon de la politiko de la fino de la 80-aj jaroj impulsita de s-ino Margaret Thatcher. La nuna registaro ekskluzivas renaciigon de la societo suferinta dum jardekoj pri subinvestado, sed ĉiukaze la registaro devos finance helpi tiun societon.

Railstrack malfortigita de tri mortigaj akcidentoj dum la tri lastaj jaroj, interalie estis akuzita privilegii la profitojn al la sekureco. Por sia reto, la societo estis devigata starigi gigantan modernigado-programon tro kostan por siaj financoj.

Tradukita de la franca jurnalo « Ouest-France » (10/10/01)

Jean Ripoche

## Jarkunveno de GEFA en 2001

La Germana Esperanta Fervojista Asocio (GEFA) elektis por sia 45-a jarkunveno la kuracurbon Bad Salzuflen en la nord-okcidenta parto de Germanio. La hotelo Roseneck ofertis de la 5-a ĝis la 7-a de oktobro 2001 agrablan restadon al pli ol 50 kongresanoj.

Dum la festvespero bonvenigis la ĉefkomisiito R. Terjung precipe W. Krause, reprezentanton de la Fervoja Sociala Organizo (BSW), kaj la eksterlandajn gastojn. Tiuj transdonis salutojn de sia landa asocio al la kunvenintoj : D. Deloyer por Belgio, E. Mateeva por Bulgario Kaj E. Tudorache por Rumanio. Tri multjaraj komisiitoj, kiuj retiriĝis el sia ofico, ricevis apartan dankon : D. Hartig, redaktoro de la Fervoja Esperantisto, A. Haupenthal kaj E. Herlitze. La festvesperon akompanis kantoj de baritono en Esperanto kaj poste plaĉa dancmuziko. En la laborkunsido, estraro kaj komisiitoj okupiĝis pri pasintaj kaj venontaj aranĝoj de la GEFA kaj IFEF. La GEFA-prezidanto Giessner informis pri la "ĝisnunaj preparoj por la IFEF-kongreso 2003 en Dresden organizota de la GEFA. Malgraŭ limigita tempo tio estis okazo por viziti la vidindaĵojn de la kuracloko kaj partopreni ekskurson al Corvey. Tie staras baziliko de la 9-a jarcento apud granda barokstila kastelo, iama abatejo. Ambaŭ konstruaĵojn vizitis la ekskursantoj kaj aŭskultis atenteme la klarigojn de sperta gvidantino. Poste, oni ĝuis komunan restadon en la kastela kafejo. Dum la dimanĉa matineo allogis min precipe videofilmo pri la trafiko en la metropolo Berlino inter 1910 kaj 1989. Alia filmo montris la idilian montaron Nigra Arbaro, kie okazos la GEFA-jarkunveno en 2002. Ni akceptos volonte eksterlandajn gastojn inter la 11-a kaj 13-a de oktobro 2002 en Baiersbronn.

W. Barnickel (DE)

## Kongreso de la AFER en Rumanio

Komence de Septembro okazis en Braŝovo la kongreso de la Asociata feroviarilor esperantisti romania (AFER), atendita kun tre granda intereso de multaj rumanaj E-fervojistoj.

Partoprenis el ĉiuj filioj ĉirkaŭ 75 personoj kaj inter ili troviĝis perantoj, kiel la ĝenerala direktoro de la Fervoja Braŝova Regionalo (distrikto), s-ro Dorel Losipescu kaj la ĝenerala direktoro de SC MARUBSA, s-ro Virgil Leancu.

Same partoprenis el registraro s-ro Marcel Dinu, la ŝtata sekretario de Eksteraj Aferoj.

El eksterlando, partoprenis s-ro Fredy Mayer, delegito de la Israela Esperanta Asocio kaj la responsulo de grava firmao de internacia turismo, kiu salutis la kongresanojn.

Antaŭ la kongreso okazis rapida kaj mallonga kunsido de la estraro de la UAIFR, kie oni decidis ke dum ĉi jaro ĉiuj fervojistaj asocioj, kies celo estas intelekta agado apartenu al la UAIFR.

Kongresaj aferoj estis kondukitaj de s-ro prof. d-ro Marian Konstantinescu, la prezidanto de la Rumana E. Asocio kaj komitatano de la AFER. La parolantoj montris la malbonaĵojn kaj proponis diversajn solvojn per kiuj la fervojista esperantista movado atingos siajn celojn.

Tiel, la kongreso aprobis la programon por du jaroj 2001 kaj 2002 cele al plibonigi nian agadon. La plej gravaj problemoj estas :

- Ĉiuj anoj devas bone paroli esperanton kaj pro tio oni decidis la organizadon de kursoj en ĉiuj filioj ;
- Oni devas disvastigi la kunlaboradon kun eksterlandaj esperantaj asocioj ;
- La organizado, je alta nivelo, de la esperanta skisemajno, kio okazos en urbo Predoal dum 17-23.02.2002 ;
- Komence de 01.01 .2002 la filioj funkcios nur kadre de la UAIFR (La Unio de Internaciaj Fervojistaj Asocioj el Rumanio). Por tio la komitatanoj organizos la agon tuj.

La gesamideanoj Rodica Todor kaj Stefan Mihai reprezentos la AFER en la IFEF.

## Trafi la tempon de Leo Tolstoï

Ekde la 10-a de septembro 2001 en moskva fervojo aperis rapida turista trajno « Ekspress » tre komforta laŭ fervojitinero Moskvo - urbo Tula - Jasnaja Poljana.

Somere la trajno trafikos ĉiutage, sed dum aŭtuno - vintro, depende de pasaĝero-kvanto. Unuan fojon, rapida elektro-trajno prezentos per si mem iusence literaturan historian muzeon sur radoj. En ĝi la vojaĝontoj forveturos en Rusion de tempo 19-a / 20-a (pli ĝuste : fine de la 19-a - komence de la 20-a ) jarcentoj. La pasaĝerojn priservos trajnbrigado en kostumoj tiutempaj. Ekster dubo, la rapideco, sekurigo kaj komforto ĉeestos en plej moderna nivelo. Dum la vojaĝo la turistoj povos konatiĝi kun temaj ekspozicioj dislokitaj en la vagonoj. En bufedo de la « Ekspresso » jam estas antaŭvidita konforma menuo, inkluzivanta rusajn naciajn bongustaĵojn. Ankaŭ por la pasaĝeroj estos kiosko kun libroj de Leo Tolstoï. La nova fervojo-vojaĝo estos agrabla kaj memorinda ĝis Jasnaja Poljana mem, kie vivis la granda mondfama verkisto.

Sergei Paĥomov (RU)
tradukis el « Volga magistral »

---

Estis elektita la nova komitato :
Prezidanto - s-ino Rodica Todor, vicprezidantoj - s-ino Floarea Mladin kaj s-ro Sorin Porupka ; sekretario s-ro Mihai Stefan, kasisto s-ino Lucretia Mija, por junaj aferoj f-ino Eniko Bodor ; membroj - s-roj Emil Tudorache, Constantin Marcu, Marian Konstantinescu.

Por la kontrolkomisio estis elektitaj ges-oj Mihaela Marcu, Luiza Bazavan kaj Dragos Aldea.

Inter kongresaj tagoj okazis belega vespera renkontiĝo kaj ekskurso, kiujn partoprenis ĉiuj kongresanoj.

Rumana Fervojista Esperantistaro esperas komencante de ĉi tiu momento, ke la esperantista agado disvolviĝos bonege.

La Prezidanto de Rumana Esperanta Asocio
Prof d-ro Marian Constantinescu.

## Karaj legantoj de IF ! Kolegoj, Samideanoj !

Mi alvokas vin «ataki» (terura vorto lasttempe) per komunikoj pri esperanto : la IFEF, FISAIC, E-movado ktp la interetan adreson (e-mail) de unu fervoja rusa ĵurnalo : «vmagistr@grw.ru»

Nun vi mem ĉion komprenu pri la adreso, ĉar la nomo de la ĵurnalo estas Voljskaja magistral' (Volga ĉeflinio) kaj ĝi estas la plej grava eldono por fervojistoj de Gorkia fervojo (grw). La ĵurnalo estis fondita la 4 an de julio 1936.

La ĉefredaktoro estas virino S.A. Kulagina. Vi povas telefoni al ŝi : 7-8312-48-84-00 aŭ skribi perpoŝte :
***Volga magistral - Literaturnaja 18 - Niĵnij Novgorod - Ru-603011***

Bonvolu komuniki prefere en la lingvoj angla, franca aŭ germana.

Memoru ke la ĵurnalo estas ĉiusemajna, 16-paĝa. Eldonkvanto atingas pli ol 25 000 ekzemplerojn.Ĝi estas distribuata en regionoj : Vladimira, Kirova, Moskva, Niĵnij-novgoroda, Perma, Rjazana, Jekaterinburga (Urala), Uljanovska, en respublikoj : Baŝkirio, Udmartio, Tatarstano, Mordovio, Marielo, Ĉuvaŝio. Ĝin senpage legas multaj fervojistoj el tiuj regionoj.

Do, se sukcese vi donos priesperantajn argumentojn kaj faktojn al la redakcio por aperigo de artikoloj pri la IFEF, sekve multegaj fervojistoj tralegos kaj interesiĝos.

Ni semis, ni semas, ni semos.

*P.S. Vidante iun mapon, vi vidos ke Gorkia fervojo (ruse Go'rkovskaja ĵeleznaja doroga - GĴD) estas en multaj regionoj (supre nomitaj) de Rusio kaj havas strategian situon inter Moskvo, Sankt-Peterburgo kaj Uralo, Siberio.*

Sergei Paĥomov (RU)

## Renkontiĝo de ĉinaj fervojistoj sur verda stepo

De la 30-a de aŭgusto ĝis la 2-a de septembro ĉi-jare, ĉinaj fervojistoj renkontiĝis sur la vasta stepo de Interna Mongolio en norda Ĉinio. S-ro Li Sen, prezidanto de Fervojista Esperanto-Asocio varme akceptis la ĉeestantojn, inkluzive de s-ro Han Zuwu, vicprezidanto de Ĉina Fervojista Esperanto-Asocio, de la urbo Tianjin, s-ino Wang Yuqin, raportistino de Ĉina Radio Internacia, de Beijing.



*Sur la stepo ĉe la jurto Centre staranta : Han Zuwu ; dekstre kalkansidanta : Wang Yugin*

En la renkonto- kunveno s-ro Han Zuwu raportis al geesperantistoj de Esperanto-Asocio de Interna Mongolio kaj Ĉina Fervojista Esperanto-Asocio pri la 3-a Nord-orienta ĉina kongreso de Esperanto. Li transdonis la verdan kongresan standardon de la Nord-orienta ĉina kongreso, sur kiu estas skribitaj ***"EGALECO, AMIKECO, INTERFLUO, KUNLABORO"*** en kvar lingvoj : Esperanta, ĉina, korea kaj mongola, al s-ro Li Sen ĉar la sekvanta 4-a Nord-orienta ĉina kongreso de Esperanto okazos pere de la Esperanto-Asocio de Interna Mongolio en la ĉefurbo de Interna Mongolio Huhhot en 2003. Ili ankaŭ diskutis pri la preparado por la okazonta signifoplena kongreso, unu jaron antaŭ la 89-a Universala Kongreso de Esperanto en 2004, kiun petis gastigi Ĉina Esperanto-Ligo. Pro tio s-ro Osmo Buller, ĝenerala direktoro de UEA faris esploradon pri la okazigo de 2004-UK en Ĉinio de la 5-a ĝis la 14-a de septembro.

Post la kunveno, geesperantistoj vizitis la vastan verdan stepon de Interna Mongolio kaj havis la ŝancon ĝui la freŝan aeron kaj etoson de la vasta stepo loĝante en jurtoj de mongoloj.

Han Zuwu
Vicprezidanto de Ĉina Fervojista
Esperanto-Asocio

---

## Venonta nacia kongreso en Francio

De la 9-a ĝis la 16-a de marto 2002, vi havas eblecon trapasi agrablan semajnon partoprenante la nacian kongreson de FFEA en ĉarma urbo ***Port-Vendres*** ĉe la mediteranea marbordo.




Pluraj ŝip – kaj aŭtobus- ekskursoj gvidos la kongresanojn tra la kataluna regiono kaj eĉ en Cadaquès (Hispanio) urbo de la famkonata Salvador Dali.

Pliaj informoj kaj aliĝiloj haveblas ĉe Jean Ripoche (Vidu adreson lastpaĝe).

## Memorajo pri la 46-a IFK en Krems (AT)




*Kaŝtanarbo plantita en Krems en jaro 1994*
*Fotis Heinz Hoffman*

En majo 1994, tuttaga ekskurso gvidis la kongresanojn en la urbon Mariazell. Tie ili plantis kaŝtanarbon.

Sep jarojn poste, okaze de sia feriado en julio 2001, Heinz HOFFMAN (GE) raportis por ni la bildojn de tiu simbola plantado.

## Reloj anstataŭas ŝoseon

Ni ĉiuj rememoras tragikan akcidenton de du kamionoj en ŝosea tunelo sub sankta Gotthard... Sekvis grava tasko de fervoja trafiko.

Je serioza trafika situacio rapide reagis Svisaj fervojoj (SBB) per reala helpo kaj en pasaĝertrafiko kaj en vartrafiko. Ekzistas novaj servoj. Ankaŭ helpis privata societo BLS. Fervojo kapablas transporti ĉiuhore kaj ĉiu-direkten 70 aŭtomobilojn. Tre rapide estis renovigita trafiko de pasaĝeraj aŭtomobiloj kaj malgrandaj ŝarĝ-aŭtomobiloj per specialaj vagonaroj inter Goschen norde kaj Airol sude de Gotthard-tunelo. La unua trajno ekveturis jam la 25-an je la 14,45 horo, do unu tagon post la akcidento.

Transporton de aŭtomobiloj en fervoja tunelo Gotthard oni haltigis en la jaro 1980, kiam ekfunkciis nova ŝosea tunelo. Fervojista societo kun siaj kunuloj ofertis diversajn eblecojn en vartrafiko, malgraŭ komplikajoj en fervojista Gotthard-tunelo.

Laŭ la nacilingva fervojista gazeto
kompilis Jitka Skalická

## Esperanto en horarlibroj

Kiel oni scias, la novaj horaroj en ŝtatoj kun membrofervojoj de UIC laŭ ĝia decido validas ekde la 10-a de julio 2001 ĝis la 14-a de decembro 2002. En la estonto la horaro-jaro konformiĝos al la kalendara jaro.

En la oficialaj horarlibroj de Hungaraj Ŝtatfervojoj MÁV kaj de Jugoslaviaj Fervojoj JŽ denove aperis klarigaj tekstoj en Esperanto, esperebla tio ankaŭ okazos en Danio kaj Rumanio. Malgraŭ streboj oni ne reaperigis ĝin en Ĉeĥa horaro, oni tamen esperas reaperigi ĝin denove.

Gratulinda estas reapero de klariga teksto en horarlibro de MÁV, kiu aperis post unu-jara paŭzo eĉ pli ampleksa ol antaŭe. Same gratulinda estas aperigo de la teksto en eksterlanda eldono de Jugoslaviaj Fervojoj, kiu aperas sur du paĝoj kaj enhavas Horarŝlosilon, eltirajon el Ĝeneralaj kondiĉoj por transporto de pasaĝeroj kaj klarigon de signoj, ĉar oni scias, kun kiuj malfaciloj oni forigas militajn difektojn por renovigi fervojan trafikon sur multaj linioj en Jugoslavio.

Tamen la plej multaj horarlibroj restas sen klarigoj en Esperanto. Mi proponas, ke ni per instigoj kaj perleteraj petoj direktitaj al estroj, kaj ĝeneralaj direkcioj de la fervojoj komune klopodu plivastigi tiun ĉi rondon tiel, ke ni ankaŭ instigu aliajn fervojojn aperigi esperantlingvajn klarigojn en siaj horaroj.

Ĉkn Jindřich Tomíšek

**Honorigitoj**

Kiam IFEF distingas membron per honora membreco,aŭ FISAIC per medalo, ni priskribas tion en IF. Sed kiu memoras ĉiujn ricevintojn ! Tial ni jam publikigas liston de nun vivantaj honoraj prezidantoj kaj membroj, honorigitoj per FISAIC-medalo kaj membroj de la Honora « Patrona Komitato de IFEF ».

| | | | |
|---|---|---|---|
| **Honora Prezidanto** | | | Jaro |
| Giessner Joachim | Germanio | | 1990 |
| Engen Per | Norvegio | | 1998 |
| **Honoraj Membroj** | | | |
| Kruse Elfriede | Germanio | | 1980 |
| Van Leeuwen Willem | Nederlando | | 1980 |
| Engen Per | Norvegio | | 1988 |
| Babička Jaromir | Ĉeĥio | | 1991 |
| Olsen Henning | Danlando | | 1995 |
| Barnickel Willem | Germanio | | 1996 |
| De Sutter Lucien | Belgio | | 1997 |
| Sredić Gvozden | Jugoslavio | | 1997 |
| Rösmann Otto | Germanio | | 1999 |
| David Jaroslav | Ĉeĥio | | 2000 |
| János Patay | Hungario | | 2000 |
| Glättli Ernst | Svisio | | 2001 |
| Hartig Heinz-Dieter | Germanio | | 2001 |
| Hauge Henning | Germanio | | 2001 |
| **Honora membro de FISAIC** | | | |
| De Sutter Lucien | Belgio | | 1998 |
| Hauge Henning | Germanio | | 1998 |
| Giessner Joachim | Germanio | | 2000 |
| **Honorigitoj per FISAIC-medalo** | | **medalspeco** | |
| Geroldinger Johann | Aŭstrio | ora | 1967 |
| Blauw Thies | Aŭstrio | arĝenta | 1967 |
| Hunkeler Hans | Svislando | bronza | 1967 |
| Giessner Joachim | Germanio | ora | 1970 |
| Kruse Elfreide | Germanio | ora | 1975 |
| Bengtsson Harry | Svedio | bronza | 1976 |
| van Leeuwen Willem | Nederlando | ora | 1979 |
| Sredić Gvozden | Jugoslavio | ora | 1986 |
| Hartig Heinz-Dieter | Germanio | ora | 1988 |
| Robiolle Pierre | Francio | ora | 1994 |
| Hauge Henning | Germanio | ora | 1996 |
| Engen Per | Norvegio | ora | 1998 |
| **Honora Patrona Komitato de IFEF** | | | |
| Ceci Pasquale | Italio | Direktoro de Dopolavoro Ferroviaro, Bologna | 1970 |
| D-ro Inĝ Azzi Giordano | Italio | H M de UEA, prezidanto de Itala Esp-Federacio | 1972 |
| D-rino Boulton Majorie | Britio | Universitato Oxford | 1977 |
| Inĝ Rodak Aleksander | Pollando | Ĉefdirektoro de fervoja direkcio de Katowice | 1987 |



## Ĉu oni konstruos fervojon ankaŭ sur la insulo Islando ?

La insulo Islando, lokita en norda Atlantika oceano, estas konata precipe per siaj belegaj pejzaĝoj, kie regas raspa norda naturo. Pli ol unu dekono de la insulo (insula teritorio) estas kovrita de glaci-montoj. El ilia interno eliras nekatenita forto de multnombraj vulkanoj kaj gejseroj de termala akvo. El trafika vidpunkto necesas mencii, ke en ĉitiea regiono neniam estiĝis sufiĉaj kondiĉoj por eluzo de fervojista trafiko.

Kaŭzas ĉefe, malalta denseco da loĝantoj kaj ankaŭ etaj provizoj da krudmaterialoj, kiujn oni povus en pli granda kvanto min-ekspluati kaj transporti al plua prilaborado. Tamen oni parolas pri ebla konstruado de fervojlinio sur la Insulo.

Ĝi devus mezuri 50 km-ojn, kunligante la ĉefurbon Reykjavik al la internacia aero-porto ĉe urbo Keflavik. Pli precizaj indikoj ne estas ĝis nun konataj, eble fine de la jaro 2001. La evidentan neceson kaŭzas supozita futura fermo de enlanda aeroporto trov-iĝanta proksime de centro de Reykjavik, verŝajne en la jaro 2016. Poste, estos uzata nur proksima aeroporto Keflavik.

La dua kaŭzo estas nesufiĉa kapacito de ŝoseo (aŭtoŝoseo) el Keflavik laŭlonge de la marbordo al la ĉefurbo.

Restas respondi demandon, kiel devus aspekti la nova fervojlinio. Jam hodiaŭ estas certe, ke ĝi estus elektrizita, eluzante lokajn multnombrajn akvo-fontojn. Temas pri supozebla tempo-horizonto de la jaro 2010.

Laŭ la nacilingva fervojista gazeto
kompilis Jitka Skalická

Iom por ridi

## Moderna vestaĵlavado

Du fratoj, fraŭloj, kiuj loĝas kune en kamparo, mastrumas en sia hejmo farante mem ĉion necesan agadon, eĉ la vestajo-lavadon.

En gazeto ili legis anoncon pri bonega tutaŭtomata lavmaŝino, kiu, laŭ promeso, povus liberigi ilin de ĉiu permana laboro okaze de la lavado.

Ili tuj aĉetis ĝin, kaj ĝi vere bone funkciis. La lasta fazo de la laborprogramo de tiu lavmaŝino estas la centrifugo por el-preni ĉiun akvon el la lavita vestajo. Dum tiu operacio la lavmaŝino eksaltetadis kaj komencis iomete translokiĝi sur la planko. « Ho » ekkriis unu el la du rigardantoj ; « Frato, malfermu la elirpordon, ĉar nun ĝi certe intencas iri eksteren por pendigi la vestajon sur ŝnurojn por sekigado ».




El « Norvega Fervojisto »
(Norvega Esperantista Fervojista Asocio)
Tradukis Odd Kolbrek

**INTERNACIA FERVOJISTO**
54-a eldonjaro

Dumonata fervojfaka revuo en Esperanto kaj organo de **Internacia Fervojista Esperanto-Federacio**

**Redaktoro : Jean Ripoche**
**6 rue des Platanes**
**FR-72 230 Arnage, France**
**Tel /Fakso +332 43 21 16 39**
**Retadreso :**
**Jean.Ripoche@wanadoo.fr**

**Prezidanto** : Romano Bolognesi
Via Misa 4
IT-40139 Bologna, Italio
Retadreso : lov0354@iperbole.bologna.it

**Vicprezidanto** : István Gulyás
Rákos u 98
HU-1155 Budapest, Hungario
Retadreso : kozsu13@freemail.hu

**Sekretario :** Marica Brletić
Peruanska 12
HR-10090 Zagreb

**Kasisto** : Henning Hauge
Esperanto-Nord
Am Ostersielzug 6
DE-25840 Friedrichstadt.
Tel : + 49 488 193 78 80
Retadreso :
Esperanto-Nord@web.de

**Dana poŝtĉekkonto :**
1 25 80 36 IFEF
Banegårdspladsen 14
DK-9700 Brønderslev
(pagante per poŝtĉekkonto el eksterlando, aldonu 15 DKK por poŝtelspezoj)

**UEA-konto :** iffk-o

**Apermonatoj :**
Januaro, marto, majo, julio, septembro, novembro.

**Redaktofino :**
Ĉiam la 10-an de la antaŭa monato

**Presejo :**
Generaldirekcio de MAV
Andrássy út 73/75
HU-1378 BUDAPEST, Hungario

**IFEF-TTT-paĝaro :**
HTTP://perso.wanadoo.fr/esperanto/afce.htm

VIG. 2002. 004



## Stelnokto

Trankvile estas ĉie ĉi
en la vilaĝo, dormas ĝi.
Sin volbas supre la ĉiel'
kun la stelar' en noktmalhel'.

Anĝeloj laboradas en
en ĉielspaco ŝajne jen ;
flagretas, flamas la stelar'
samkiel lumoj sur altar'.

Jen super la arbar' la lun'
pro miro kvazaŭ haltas nun.
Ĉu lumis jen fluganta stel'?
Aŭ eble flugis jen anĝel'?

La katredralo estas ĝi
de la Sinjoro, nia Di'.
Adoras Lin la anĝelar',
dum lace dormas la homar'.

*Verkita de la poeto*
*Hortman', Bernhardo (1872 - 1947).*
*Esperantigis : Manfredo Ratislavo*
*en 2001-07-08 laŭ la origina*
*basgermanalingva teksto.*

**Fervoja Koresponda Servo**
S-ro PORUPKA Sorin
Mihai Bravu 32/2
RO-6200 Galati
Se vi deziras utiligi la servon, bonvolu indiki viajn nomon, aĝon, adreson, en kiuj landoj vi deziras korespondant(in)on, kaj pri kiaj temoj ktp.
Aldonu, se eble, internacian respondkuponon.
Retadreso : galati@radiotel.ro

